N-ro 4 + 8 de Aprilo ĝis Aŭgusto 1975-a

26-a Jaro

## 27-a INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ EN VILLACH

De la 9-a ĝis la 17-a de majo disvolviĝis en Villach (Aŭstrujo) la 27-a Internacia Kongreso de esperantistaj fervojistoj, kun la partopreno de 675 personoj el 20 ŝtatoj, inter kiuj unu el Kameruno kaj unu el Japanujo.

La kongresaj laboroj okazis laŭ tri direktoj: teknika, organiza kaj kultura.

La teknika fako koncernas tri ĉefajn agadojn:
1) la elekton de fervojaj terminoj en Esperanto, kompare kun la 11 mil vortoj entenataj en la internacia fervoja leksikono en 6 lingvoj. El tiuj 11 mil, preskaŭ 5 mil estis jam pristuditaj kaj elektitaj. Praktike, la laboro estas dividita inter la diversaj naciaj asocioj de esperantistaj fervojistoj, tiel ke ĉiu asocio priekzamenas difinitan parton el la leksikono; dum la kongreso oni pristudas la koncernajn proponojn kaj rimarkojn. Dum la pasinta jaro, kompletigis sian laboron la finna kaj hungara sekcioj;
2) la raportadon pri aktuala temo je fervoja intereso, rilatanta la landon, en kiu la kongreso okazas: ĉijare estis raportite pri la transportado de aŭtomobiloj tra la fervoja tunelo inter Salzburg kaj Karintio, ankaŭ pere de multnombraj diapozitivoj;
3) la eldonon de fervojaj terminaretoj Esperanto-nacia lingvo, zorge de la unuopaj naciaj asocioj; bedaŭrinde dum 1974-a neniu nova eldono okazis, precipe pro la altiĝintaj preskostoj (oni devas konsideri, ke ĉiuj esperantistaj iniciatoj estas rekte aŭ nerekte pagataj de la esperantistoj mem).

Komprenneble, la teknika laboro baziĝas sur tiu administra, organiza, informa kaj propaganda, sur nacia kaj internacia ebeno, kies kulmino estas ĝuste la ĉiujara internacia kongreso.

..//oo

Pluraj gazetoj, ekzemple "Zaeschengelot", dediĉis vastan spacon al la kongreso, kaj eĉ prezentis erojn en Esperanto.

Kun granda intereso estis akceptita la informo, ke la ĝenerala sekretario de la hungaraj sindikatoj, ankaŭ laŭ instigo de la hungaraj esperantistaj fervojistoj, deklaris sin preta proponi Esperanton kiel kunigan lingvon ĉe la Monda Ligo de Sindikatoj.

Inter la turismaj, sociaj kaj kulturaj agadoj oni devas mencii la "Forumo"-n, kiu konsistis en renkontiĝo malfermita al la pritrakto de plej diversaj temoj pri la gastiganta lando; dum tiu debato, la organizantoj respondis, dum pli ol 2 horoj, al la plej variaj demandoj de la kongresanoj pri temoj de aŭstria vivo.

Interesa ankaŭ la turisma programo, kiu, ĉijare, ankaŭ liveris al la kongresanoj kuriozan kaj emocian neprogramitan eventon: dum la ekskurso al la angulo de tri landoj (je 1'500 metroj, apud Arnoldstein), kie renkontiĝas la limoj de Italujo, Aŭstrujo kaj Jugoslavio, norvega kongresano, transpasinte la limon por fotografi la aliajn kongresanojn, estis arestita de patrolo de jugoslavaj soldatoj armitaj per mitralpafiloj. Malgraŭ la protestoj kaj la klarigoj de la jugoslavaj kongresanoj, la norvego estis kondukita al la komandejo, kaj nur vespere li estis liberigita, sekve de intensa intertraktado fare de la jugoslavaj esperantistoj kaj de la L.K.K. de la kongreso.

Alia kuriosa sciigo: aŭstra ŝtelisto, kiu estis forrabinta mansakon de sveda esperantistino, estis kaptita post rapida kuro de hispana lokomotivisto Jose Molina, kiu postsekvis lin kune kun italo kaj germano.

Fine, du informoj koncerne la italan delegacion: Mirella MERLANI, fervoja oficistino kaj kunlaborantino de Radio Roma, estis konfirmita kiel gvidantino de la jumlara fako de la internacia aso-

..//oo

cio de esperantistaj fervojistoj, kaj samtempe gajnis pokalon, proponitan de la aŭstria kanceliero, en la oratora konkurso.

La venonta kongreso okazos en Skelleftea, Svedujo(800 kilometrojn norde de Stokholmo): dum unu semajno, sur la laboroj de la kongreso de 1976-a ne subiros la suno.

D-ro Alberto MENABENE

## KORESPONDA SERVO

Dum sia 27-a Internacia Kongreso (10/17 de majo), I.F.E.F. starigis korespondanservon por siaj anoj kaj gekolegoj eksterlandaj, por helpi al ĉiuj korespondemuloj kaj precipe al la kursgvidantoj kaj komencantoj.

Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi.

Ĉiu persono kiu deziras ricevi adreson F.K.S. devas nepre aldoni internacian respondkuponon aŭ samvalorajn francajn p.m. por ĉiu petata korespondanto. F.K.S. ne povas respondi al la petantoj kiuj ne aldonas la ĉi-supre menciitajn internaciajn respondkuponojn aŭ samvalorajojn.

Mi opinias ke la servo povos baldaŭ ekfunkcii, kiam estos ricevinta sufiĉe da aliĝiloj.

Adreso: Fervoja Koresponda Servo, 74 rue Bataille, F-69008 LYON, Francio.

Bonvolu kopii la jenan: A L I Ĝ I L O

S-ro, S-ino, F-ino . . . . . . . . . aĝo . . . .

Adreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Deziras korespondant-inonen landoj . . . . . .

Temoj, k.t.p. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La subskribinto certigas respondi al ĉiuj korespondpetoj transdonitaj de F.K.S. almenaŭ unu foje. Aldonitaj . . . internaciaj respondkuponoj aŭ . . . francaj poŝtmarkoj. Subskribo

## NOVA SOMERA HORPLANO ĈE LA ITALAJ ŜTATFERVOJOJ

Ekde la 1-a de junio, sekve de la ekvalidiĝo de la nova somera horplano, la italaj Ŝtatfervojoj prezentas plurajn novaĵojn. Oni devas tuj diri, ke la karakterizoj de la nova horplano inspiriĝas al la nuntempa atmosfero de ŝparemo: fakte, oni draste limigos la efektivigon de tiuj trajnoj, kiuj dum la pasintaj someraj sezonoj ne estis sufiĉe utiligitaj de la publiko. Oni antaŭvidas, krome, ioman plilongigon de la vojaĝdaŭro de multaj trajnoj, precipe tiuj longdistancaj. Vojaĝoj pli longaj, do, sed pli akurataj, ĉar per la diritaj decidoj la italaj Ŝtatfervojoj celas pli rigoran respekton de la antaŭfiksita horplano: cetere, la plilongigo de la vojaĝdaŭro estas, meznombre, de nur 10 minutoj.

Ekde la 1-a de junio, krome, komencis funkcii multaj novaj vagonoj, kiuj sendube plibonigos la vojaĝkomforton. Ankaŭ en multaj duaklasaj vagonoj nun ekzistas klimatizado de l'aero, kaj plimultiĝas la "memservadaj vagonoj", kie oni povas manĝi kaj trinki rapide kaj malkare. Oni devas ankaŭ memorigi, ke nova tipo de litvagono ebliĝas la aliron de pli vastaj sociaj tavoloj al ĉi tiu komforta servo. Same ekde la 1-a de junio, estis abolitaj ĉirkaŭ 50 pasaĝertrajnoj en la sabataj kaj dimanĉaj tagoj, kun la celo ebligi vartransportadon sur la linioj kun pli intensa trafiko.

Fine, oni devas mencii, ke la italaj Ŝtatfervojoj, kunlabore kun tiuj germanaj kaj svisaj, planis multajn eksterordinarajn trajnojn por la tagoj 12-a, 13-a kaj 14-a de junio, konekse kun la voĉdonoj, kiuj okazis en Italujo la 15-an de junio. Tiamaniere, oni ebligis al la italoj, kiuj laboras eksterlande, reveni hejmen por partopreni en la balotoj en la deven-urboj (en Italujo, fakte, ne eblas voĉdoni perletere, aŭ en alia loko ol la komunumo, kie oni estas listigi-

..//oo

taj). Oni kalkulas, ke alvenis almenaŭ 30 mil italoj el Okcidenta Germanujo, kaj 10 mil el Svislando, tamen eta parto el la italaj gastlaboristoj. Estas menciinde, ke la italoj loĝantaj eksterlande rajtas, okaze de balotoj, vojaĝi senpage en dua klaso (aŭ kun 70-procenta rabato en unua klaso) de la itala landlimo ĝis la loko de voĉdonado kaj reen.

En la interna servo, okaze de la balotoj, la italaj Ŝtatfervojoj organizis centon da eksterordinaraj trajnoj, ĝenerale kun starto de Milano, Torino kaj Romo, kaj kun direkto en la Sudon kaj en Venetion. Ankaŭ la italoj loĝantaj en Italujo rajtis havi favorajn kondiĉojn por iri al la komunumo de oficiala enskribiĝo: ili havis rabaton de 70 procentoj el la vojaĝbileto. (El Radio Romo-Rubriko "Kuriero de E.")

ESPERANTA ORIGINALO OFICIALE UTILIGITA ĈE EŬROPAJ FERVOJOJ.

La dokumentara Servo de la Germanaj Federaciaj Fervojoj (DB), kiun sidejo troviĝas en Frankfurt/Main 1, Karlstr. 4-6, kutimas dissendi al la aliaj eŭropaj fervoj-entreprenoj originalajn kaj tradukitajn tekstojn pri temoj, kiuj koncernas transportojn. Siavice, ankaŭ la aliaj fervojoj reciprokas la diskonigon de verkoj kun tiu karaktero.

En marto 1975-a, Germanaj Federaciaj Fervojoj sendis al la Italaj Ŝtatfervojoj (FS) germanlingvan tradukon de artikolo, originale verkita en Esperanto, aperinta en la n-ro 12/1974 de la revuo "El Popola Ĉinio". La frontispico de la oficiala publikaĵo, kiu ampleksas 8 paĝojn, diras: "Traduko/DB.4166/DK 625.111.004.12/(51) Gju Hinhua "La nove konstruita Hunan-Gujĝoŭ-a Fervojo" El Popola Ĉinio (Pekino-1974) Fr.12,

..//oo

6B, (Böhm) m 811". La klarigoj de la frontispico estas en la germana, sed la originala titolo de la tradukita artikolo estas en Esperanto. Oni ankaŭ indikas, ke la originala teksto estas en Esperanto. La artikolo estas akompanata de pluraj fotoj, eltiritaj el la revuo "El Popola Ĉinio", kun la originalaj klarigoj en Esperanto.

La traduko de la faka artikolo ŝuldiĝas al Erwin Böhm.

Estas interesa kaj grava, ke fervojo tiel altnivela kiel DB taksis menciinda, je internacia bazo, esperantlingvan artikolon. Oni povas aldoni, ke laŭplane recenzo pri la dirita traduko aperos en la aŭtuna numero de la presita bulteno de la italaj Ŝtatfervojoj (FS), eldonata de tiea dokumentara Servo. (El Radio Romo-Kuriero de E)

## ESPERANTO ĈE FILATELAJ EKSPOZICIOJ.

En la kadro de la "Semajno de libertempo", organizita de pluraj Entreprenoj en Bologna, de la 26-a ĝis la 29-a de junio 1975-a okazis, en la Galerio "Accursio", Filatela ekspozicio. Inter la partoprenintoj, troviĝis, nome de la italaj Ŝtatfervojoj (kaj, pli precize, de la koncerna Asocio per postlaboraj agadoj "Dopolavoro Ferroviario"), s-ro Germano Gimelli, sekretario de I.F.E.A., kiu prezentis kolekton de Esperantaj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj kun la titolo "Esperanto kaj Fervojoj". Inter la Esperantaj poŝtstampoj li prezentis la kompletan kolekton de la stampoj de la Internaciaj Fervojistaj Kongresoj de I.F.E.F..

Saman kolekton s-ro Gimelli prezentis en Bellaria-Igea Marina kie "Circolo Filatelico Riminese, Piazza Cavour, 4 Rimini, organizis (la 19-an kaj 20-an de julio 1975-a), la IV-an Filatelan ekspozicionde "Montefeltro" sub la slogano "Turismo en poŝtmarkoj".

..//oo

Tiuokaze la Esperanta kolekto gajnis la unuan premion, konsistantan en granda alegoria pokalo donacita de la Turisma Komitato de Bellaria-Igea Marina.

## VOJAĜO TRA RUSLANDO

Dum la pasinta julio, kune kun Delvina, mi partoprenis al vojaĝo al Ruslando, organizita de nia "Dopolavoro Ferroviario".

La vagonara vojaĝo disvolviĝis tra Aùstrio, Ĉeĥoslovakio (kies ni vidis nur la landlimajn staciojn), Pollando (ni haltis kaj vizitis Varsovion du foje, ire kaj reire), kaj Ruslando kie ni vizitis Brest, Moskvo kaj Leningrado.

Ni antaùe ne interrilatis kun Rusaj gesamideanoj ĉar la vojaĝo estis organizita kun tre densa programo sen ebleco diŝiĝi ie ajn.
Sed estas rimarkinde ke tuj post nia alveno en Moskvo en la halo de la hotelo "Amikeco" ni aùdis paroli Esperante. Ni apenaù kredis al niaj oreloj, sed kuraĝe alproksimiĝis al iu grupo sidanta en la halo mem, kaj demandis ĉu ni bone aùdis, ĉu ili estis esperantistoj. Ilia surprizo ne estis pli malgranda ol la nia: ili sin prezentis al ni: estis d-ro Eugeno Salnikov, kuracisto, kaj du inĝenierinoj de Moskvo kiuj, telefone petataj de amikino el Leningrado, venis tie por renkonti italajn esperantistojn el Milano.

Ni restis kune, bedaùrinde, tro mallonge, ĉar ni devis prezenti niajn pasportojn por la restado kaj tuj foriri por la unua vizito al ĉefurbo de Sovetunio.

GG.

FERVOJISTA TAGO DUM LA 60-a U.K. DE ESPERANTO

La Fervojista Tago dum la 60-a Universala Kongreso en Kopenhago, okazis mardon la 29-an de julio 1975-a. Partoprenis fervojistoj el Svedio, Norvegio, Italio, Svisio, Germanio, Hungario, Japanio, Anglio, Francio, Finnlando kaj Danio, entute 45 gekolegoj el 11 landoj. Jen la raporto verkita de Henning Hauge, Prezidanto de D.E.F.A.:

"Post la kolektiĝo en kongresejo ni iris per speciala aŭtobuso al la Varterminalo de Kopenhago. Tie situas ankaŭ la D.S.B. lernejo, kaj en ties aŭditorio la 45 kongresanoj el 11 landoj kolektiĝis. La prezidanto de D.E.F.A., transportkonsilisto Henning Hauge, bonvenigis, kaj tute speciale la ĉefon de la varterminal-regiono de Kopenhago, funkcigvidanto V. Sonnenborg, kaj la ĉefon de la pecaĵtrafiko ĉe DSB, trafikinspektoro P O G Christensen. Prelegis dum 50 minutoj pri "DSB vartransporto, antaŭe, nun kaj estonte" la vicĉefo de la varterminalo E. Henning Olsen.

DSB regalis la ĉeestantojn per refreŝaĵo kaj oni rondiris en la DSB lernejo, kie la diversaj teknikaj instruhelpiloj funkciis okaze de la vizito. Pere de la interna televido de la lernejo ni vidis 10 minutan filmon pri la historio kaj nuna stato de la lernejo, interprete klarigita de komitatano de I.F.E.F., Gunnar Thuesen.

Pri la varterminalo (vizitota posttagmeze) informis E. Hennin Olsen.

Je 12,30 h. okazis lunĉo en la kantino de la varterminalo, dum kiu S-ino Elfriede Kruse, sekretariino de IFEF, salutis la ĉeestantojn nome de la prezidanto kaj aliaj estraranoj de IFEF. Ŝi ankaŭ dankis al DSB pro la ebligo de la aranĝo "Fervojista Tago". Funkcigvidanto V. Sonnenborg kaj trafikinspektoro Christensen partoprenis la lunĉon.

Je la 13,30 h. ni rondiris en la magazeno de la terminalo, vidante la modernan teknikan ekipon kaj organizon de la terminalo.

..//..

Marŝante laŭlonge de la fervojaj instalaĵoj ni je 15-a h. atingis la Libertempan Centron de D.J.I.F. (Dana Fervoja Sporta kaj Libertempa Asocio, la klubejon de la loka DEFA-grupo, kie la nomita grupo regalis per kafo.

La aranĝo finiĝis je 16,00 h."

G R A V E:

Helpas multe al niaj aferoj, se vi petu la tekston de la fakprelego rekte ĉe Danaj Ŝtatfervojoj. Skribu al:
D.S.B. - Godsterminal København
otktl. E. Henning Olsen - Vaerelse 1oo8
Bernstorffsgade 50 - 1577 København V. Danio.

## 28-a I.F.E.F.-KONGRESO SKELLEFTEA - Svedujo

## 12 - 18; 6; 1976-a

PROVIZORA PROGRAMO




-Vendredo 11 junio
Akceptejo malfermas
IFEF estraro-LKK kunveno
Gazetara konferenco
-Sabato 12 junio
Akceptejo malfermas
Kongresejo malfermas
Interkona vespero (kongresejo)
-Dimanĉo 13 junio
Urba rondveturado
Diservo - Lunĉo
Solena malfermo de la Kongreso (kongresejo)
Folklora vespero (malnova kamparana urbo)
-Lundo 14 junio
IFEF estraro kunsidas (nepublika)
IFEF komitatanoj kunsidas (publika)
Lunĉo - Fakprelega komisiono kunsidas
Fakprelego - Kongresa balo, bankedo (kongresejo)
-Mardo 15 junio
Komisionaj kunsidoj - Duontaga ekskurso
La urbo akceptas la kongresanojn - Forumo.

..//oo

-Merkredo 16 junio
Plenkunsido - Duontaga ekskurso
Amuza vespero
-Ĵaŭdo 17 junio
Socialaj ekskursoj (3 diversaj)
Industriaj vizitoj (kelkaj diversaj)
Futbala maĉo inter kongresanoj kaj virina teamo
-Vendredo 18 junio
Tuttaga ekskurso, kaj fermo de la kongreso.
Autobusa ekskurso al la urbeto Arjeplog en la montara regiono. Vizito ĉe lapona urbeto en Arvidsjaur, vizito ĉe Arĝenta muzeo en Arjeplog. Tagmanĝo. Revojaĝo sub meznokta suno.
-Sabato 19- junio: Hejmvojaĝo . . . .

36-a INTERNACIA KATOLIKA ESPERANTO-KONGRESO DE I.K.U.E. EN ROMO OKAZE DE LA SANKTA JARO

===============

PAPO PAŬLO LA VI-a PAROLAS AL LA GEESPERANTISTOJ

Dum la 36-a Internacia Katolika Esperanto-Kongreso de IKUE en Romo, okaze de la Sankta Jaro, la Sankta Papo Paŭlo la VI-a okazigis ĝeneralan aŭdiencon kaj solenan Papan Kapelon al kiu partoprenis la geesperantistoj.

Dum la ĝenerala aŭdienco, la Sankta Papo, post la mencio de la ĉeesto de "la partoprenintoj al la 36-a Internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj", alparolis jene la ĉeestantojn, kiuj plenigis la grandegan placon SanktanPetron:
""Ni adresas nun Nian saluton kaj bondeziron al la partoprenantoj al la 36-a Internacia Kongreso de la Katolikaj E-istoj. Al viaj apartaj kulturaj intencoj vi aldonas specialan religian karakteron, enŝovante vin en la spirito de la Jubileo, kiu al ĉiuj homoj de bona volo parolas pri renovigo, konversio, nova kontakto kun Dio kiu amas kaj pardonas. Tiu ĉi spirito gvidu vin en la promocio de frateco kaj interkompreno inter popoloj de mal-

..//oo

samaj lingvoj, laŭ la programo kiu vin distingigas; tiu ĉi estas Nia sincera bondeziro, kiun Ni valorigas per Nia Apostola Benado, korfavora de la donacoj de la Sinjoro.

N I   L E G I S

- Sur "L'ESPERANTO" - Oficiala Organo de I.E.F. n-ro 4 - Aprilo 1922-a.

La 48-a Itala Nacia Kongreso de Esperanto okazos en Trieste de la 13-a ĝis la 18-a de septembro 1975-a. Hazarde ni trovis "L'Esperanto"-n, de aprilo 1922-a, entenanta artikolon, itallingvan, pri la 12-a Itala Nacia Kongreso de E-to okazonta en septembro de la sama jaro en Trieste. Ĝi temas pri la preparlaboroj de la kongreso mem.

Ĉu post 53 jaroj, la artikolo estas ankoraŭ aktuala?

**Congresso Nazionale di Trieste (20-22 Settembre 1922).**

Continua fervida l'opera di preparazione al Congresso. Si sono già iniziate le pratiche per ottenere i ribassi ferroviari; ma è necessario che fin d'ora i samideani mandino la loro adesione alla sede del Comitato (Via S. Francesco N° 4, Trieste), giacchè per la richiesta ufficiale dei ribassi si deve accompagnare la distinta dei nomi dei partecipanti.

Il Direttorio della F. E. I., poi, nella sua ultima riunione, in relazione al voto espresso al Congresso di Trento, ha deliberato che possano avere diritto di partecipare alle discussioni ed ai voti solo i soci della F. E. I. che abbiano versato la quota annuale entro il 31 Luglio p. v. Invece alle altre manifestazioni potranno prendere parte esperantisti o simpatizzanti che abbiano soltanto versato la quota fissata per il Congresso.

È stata aperta una sottoscrizione per sopperire alle gravi spese di preparazione e propaganda; tutti coloro che sono in condizione di farlo, non mancheranno certo di concorrere a tale sottoscrizione.

En la sama malnova revuo ni legis la jenajn novaĵojn, gravaj en la historio de nia movado, pri la agadoj de la tiutempaj fervojistoj-esperantistoj, agadoj direktitaj "al Ministerio pri Publikaj Laboroj (Lavori Pubblici LL.PP.) kaj al la Direkcio de FF.SS. (Italaj Ŝtataj Fervojoj)".

""La 28-an de marto 1922-a, per interesiĝo de Hon. Krekich, Lia Ekcelenca Moŝto Riccio, Ministro pri Publikaj Laboroj, akceptis komisionon konsistan

..//oo

tan, el la Prezidanto de I.E.F., kaj el la Samideanoj-fervojistoj D-ro Giuseppe Koch, 1-a klasa Inspektoro, el Trieste, Beniamino Broglio, Sekretario ĉe kontrola servo, el Torino, Ermanno Filippi, 1-a klasa Librotenisto, el Romo. Celo de la komisiono estis prezenti al la Ministro de "LL.PP.", de kiu dependas la fervojoj, oportunan memorandumon kompilitan fare de ĵus fondita "Associazione Italiana dei Ferrovieri Esperantisti" (kies Prezidanto estis S-ro Broglio), entenantan la dezirojn de niaj samideanoj Fervojistoj.

La komisiono estis akceptita tre bonvoleme de L.E.Moŝto Riccio, kiu promesis akcepti ĉiujn petojn laŭ eble, kondiĉe ke ili ne kontraŭstaru la severajn necesojn de la fervoja bilanco.

Sama kopio de la memorandumo estis, de la sama komisiono, transdonita al la Ĝenerala Direkcio de FF.SS.. S-ano Filippi trafis la okazon de la renkonto kun la reprezentanto de la Ĝenerala Direkcio por prezenti peton subskribitan de centkvindek oficistoj de la Direkcio mem, por peti ejon, en la centra sidejo de FF.SS., kie okazigi Esperanto-kurson. Tiu peto ricevis tujan kaj favoran akcepton.""

- Sur "IL BAJOCCO" - Notiziario del Collezionista. Organo de la Filatela-Numismatika Klubo de Rimini kaj de la Internacia Centro pri Sporta Filatelio (Piazza Cavour n-ro 4 I-37070 Rimini). Tutpaĝa artikolo: "Esperanto, lingvo de la filatelio", verkita de P. Albino Ciccanti, kun foto de la Unutaga Koverto de la 22-a I.F.E.F.-Kongreso en Rimini.